# GRAVA ATENTIGO AL LA LEGANTOJ

Karaj gelegantoj

Certe de pluraj semajnoj vi atendas la aperon de tiu IF-numero. Fakte laŭ la kutima aperdato, mi devis liveri tiun numeron en majo. Sed grava decido fariĝis dum la IFEF-kongreso en Le Mans. Pro nuna malbona sanstato de nia IFEF-kaso, ne plu eblas por la jaro 1999 eldoni 6 numerojn de IF sed nur 4. Pro tio mi devas publikigi la numeron 3 en julio kaj la numeron 4 en oktobro.

La IFEF-estraro pardonpetas por tiu malfeliĉa cirkonstanco kaj nun provas trovi solvon, por ke, denove venontjare, aperu 6 numeroj.

La Redaktoro

# 51a IFEF-kongreso en Le Mans

Finfine 285 personoj aliĝis sed pro diversaj kaŭzoj (ĉefe pri la grava situacio okazinta en Jugoslavio) entute 227 personoj el 21 landoj partoprenis en tiu kongreso. Ni esperu, ke venontjare niaj geamikoj el balkanaj landoj denove veturos al Hungario.
Ĉu la kongresanoj de Le Mans estas kontentaj ? Ni atendas viajn reagojn por eventuale plibonigi la estontajn organizaĵojn.

***Kaj nun ....***

## *Ek al la 52a IFEF-kongreso en Budapeŝto (Hungario) de la 13a ĝis la 19a de majo 2000.*

**Frontpaĝo :** En Győr (Hungario), episkopa fortreso staras apud la rivero Rába, kiu fluas al Danubo (celo de unu el la vizitoj dum la postkongreso).

## Enhavo

# Rapida superrigardo pri la 51a IFEFkongreso




***Vendrede la 7an de majo***

Vespere en la apuda poŝtoficejo de la stacidomo fariĝis la solena inaŭguro de filatela ekspozicio realigita de Jean-Pierre Ducloyer : "Esperanto, retrovita ŝlosilo de la Babela turo"

JP Ducloyer prezentis sian ekspozicion al ĉirkaŭ 60 invititoj kaj post aliaj paroladoj de la poŝteminentuloj, D-ro Bolognesi IFEF-prezidanto faris mallongan esperantlingvan prezentadon de IFEF.

Tiu ekspozicio estis alte apreciita de la ĉeestantoj. (*Por pliaj informoj pri tiu ekspozicio, bonvolu vin turni al la redaktoro).*

***Sabate la 8an de majo***

Akcepto okazis la tutan tagon. Ekde la eltrajniĝo, ĉiuj kongresantoj, direktitaj de dinamikaj mansaj esperantistoj povis sekvi la verdajn sagojn ĝis la akcepto-salono por ricevi siajn kongresajn materialojn. Post kelkaj ripozo-momentoj, ĉiuj kunvenis en la kongresejo por la "Interkona vespero".

***Dimanĉe la 9an de majo***

Je la 8a kaj 30 Ekumena Diservo estis preparita de JP Angevin en la bela kaj moderna preĝejo Santka Bertrando. Ĉirkaŭ 100 kongresanoj partoprenis ĝin.

Poste, en la salono "G. Lemonnier" okazis la solena malfermo de nia IFK.

Tuj, kiel uverturo, la ĥorgrupo U.A.I.C.F. de Paris Sud-Est plezurigis nin per tri belaj kantoj.

Post kutimaj bonvenigaj salutparoladoj de la oficialuloj kaj de la delegitoj, D-ro Bolognesi deklaris malfermita la 51an IFK. En sia parolado nia prezidanto longe kaj grandemocie aludis la tiamajn terurajn milito-eventojn en Jugoslavio. Ĉiuj partoprenantoj tutkore samopiniis liajn sentojn kaj, same kiel li, esperis, ke niaj jugoslavaj samideanoj povu partopreni nian venontan kongreson en la jaro 2000.

*La prezidanto deklaras malfermita la 51a IFK-on en Le Mans*



Posttagmanĝo, 120 personoj vizitis la malnovan kvartalon de la urbo. Dum tiu interesega vizito, ĉiuj povis admiri tiun mirindaĵon - veran labirinton de malnovaj stratetoj kun multaj belegaj mezepokaj aŭ renesancaj domoj - jaluze ŝirmitan per grandega murego (10 metrojn alta), kaj ankoraŭ plifortigita per turoj.

Meze de la malnova kvartalo, superstarante la tutan urbon, la katedralo Sankta-Juliano estas reala leciono de historio kaj arkitekturo.

Gvidata de D-ro Hoffmann, samtempe, faka komisiono komenciĝis. En la neĉeesto de s-ro Kovář, sekretario de Fake Aplika Sekcio, s-ro Tomišek bonvenigis la nemultajn ĉeestantojn kaj poste la landaj reprezentantoj raportis pri siaj faroj. Por la tria eldono de "Raillexic", kiu supozeble aperos fine de la jaro, la limdato ŝoviĝis al la komenciĝo de junio, tio donas al ni la eblon enigi dum la nuna kongreso pritraktitajn termindecidojn.

Komuna vespermanĝo kaj internacia balo finis tiun tagon por la granda kontento de la plej diligentaj partoprenantoj.

***Lunde la 10an de majo***
Matene laboris la landaj delegitoj ene de la nepublika laborkunsido. Posttagmeze la kongresanoj vizitis unu el la plej nordaj el la "luaraj kasteloj". Tiu mezepoka fortreso estis transformigita en plezurdomon dum la Renesanca epoko. Nuntempe ĝi montras la evoluon de la konstruo-arto de la civilaj konstruaĵoj, de la Renesanco itala kaj poste franca al stilo klasika de la 18a j.c.
Vespere ni ĉeestis distran parton animatan de du lokaj fervojistaj asocioj : la parad-orkestro F. Thommeret kaj la koruso de la "Amikeco-klubo".
***Marde la 11an de majo***
Matene la Plenkunsido disvolviĝis laŭ kutima maniero. En tiu kunveno oni konfirmis la venontan IFK okazontan en Budapeŝto kaj oni elektis la Ĉeĥan Respublikon, kiel lando de la postvenonta IFK.
Postmorte Gernot Rittersparch estis nomumita "Honora Membro"; ankaŭ Otto Rösemann ricevis saman honoron.
Post la Publika Plenkunsido, je la 14a ni ekskursis al Solesmes, kie troviĝas la belega abatmonaĥejo Sankta Petro, famkonata en la tuta mondo koncerne la gregorian ĉanton.
Tuj poste, niaj busoj veturigis nin, laŭlonge de la rivero Sarthe, ĝis Malicorne, urbeto de la potistoj. Tie ni vizitis la fajencejon : ĝian muzeon kaj ĝiajn diversajn laborejojn. La vizito finiĝis en la magazeno, kie ĉiu povis, se ne aĉeti la admirindajn art-fajencaĵojn, sed almenaŭ plezurigi siajn okulojn.
Vespere la folklora grupo "La Gouline sarthoise" prezentis vere altkvalitan spektaklon. La programo temis pri viglaj kamparaj eksaj dancoj de la jaro 1900, kiuj plezurigis niajn orelojn kaj okulojn.
Dum paŭzo de la "Gouline", Josette Vonay kaj Daniel Chevallier proponis al ni skeĉon de franca aŭtoro Georges Courteline. Temis pri Direktorino kaj ŝia oficisto.
Ege komikaj situacioj !


*J Vonay kaj D Chevallier prezentas skeĉon "La Direktorino kaj ŝia oficisto"*

Gratulojn al niaj artistoj !
***Merkrede la 12an de majo***
Tuttaga ekskurso kondukis nin en Saumur, belan kaj blankan urbon situantan borde de la riverego "Loire".
Unue ni vizitis la faman rajdartan lernejon "Le Cadre Noir" en kiu ni ĉeestis la trejnadon de la rajdistoj.
Poste ni busveturis al grandega vinkelo, kiun ni uzis, kiel restoracio-salono. Tagmeze ni vizitis la vinkelon kaj la kastelon.
Sur la reveturo-vojo, ni haltis en la kastelo de "Grésillon", jam antaŭkonata de multaj esperantistoj. Post rapida vizito kaj gustumado de frandaĵoj, ni denove alveturis Le Mans.
***Jaŭde la 13an de majo***
Matene prelegis s-ro Georges Wallerand pri "La Fervojo kaj la entrepreno-komitatoj". Poste sekvis diversaj interesaj fakaj prelegetoj.
Tagmeze ni enbusiĝis por partopreni pertrajnan veturadon de Connerré al finstacio de Bonnétable" kaj reen al Connerré, kie ni gustumis famajn rijetojn kaj glason da cidro.
Kelkaj dekoj da kongresanoj vizitis la arbovartejon de Norbert Menu. La gvidanto, rakontante anekdotojn pri sia karaj arboj kaptis la atenton de la vizitintoj kaj ilia agmaniero koncerne la plantojn ŝanĝiĝis.


Norbert Menu klarigas pri sia arbovartejo

Vespere g-roj Robineau prezentis sian vojaĝon "Ok jaroj da nomadismo ĉirkaŭ la tero, renkonte al la tero kaj homoj."
Dum unu horo kaj tridek minutoj, tiu prelego gvidis nin tra pluraj kontinentoj kaj konigis diversajn vivmanierojn de la popoloj.

***Vendrede la 14an de majo***
István Gulyás la venonta LKK-prezidanto montris diversajn aspektojn de Budapeŝto kaj parolis pri IFK 2000.
Postagmeze okazis la kutima fermo de la kongreso. Honora Prezidanto de F.F.E.A. Pierre Robiolle dankis ĉiujn partoprenantojn kaj helpantojn. Nia IFEF-prezidanto Romano Bolognesi esprimis sian kontenton pri la aranĝo kaj laŭdis la LKK-anojn, kiuj kontentige prizorgis ĉion. Menciinda estas la 64paĝa kongreslibro, kiu enhavas multajn valorajn informojn.

## *Ĝis revido en Budapeŝto*

*Grandparte, eltiraĵo de la kongresaj bultenoj faritaj akurate kaj zorgeme de g-roj Gestin*

(Ĉiujn fotojn faris Norbert Menu kaj Laurent Vignaud)

# Nova kursejo-gastejo en Svedio "ESPERANTO-GÅRDEN"

**Esperanto-Gården** troviĝas en la urbeto Lesjöfors, en la orienta parto de la provinco Värmland, norde de la granda lagoVänern. La kursejo situas meze inter la ĉefurboj Stokholmo kaj Oslo (Norvegio) je ĉirkaŭ 300 km de ambaŭ urboj. Je la sama distanco troviĝas la urbo Gotenburgo (Göteborg). Eblas trajnveturi ĝis la urbo Kristinehamm kaj de tie daŭrigi aŭtobuse.
**La sveda esperanto-movado** dum la jaro aranĝadas kursojn, seminariojn kaj kunvenojn.



**Bonvenon al Esperanto-Gården**
Tel / fakso: + 46 590 30909
SE-680 96 Lesjöfors, Svedio
TTT-paĝo : esperanto.se/egarden

**INVITO AL 41-a INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-SKISEMAJNO**
Ĝi okazos de la 15a ĝis la 22a de januaro 2000 en la franca alpa montaro. Oni atingas la ripozlokon en **Saint François Lonchamp** per TGV (linio Paris - Modane).
Petu aliĝilojn al via lando-asocio aŭ al :
**Hubert Peyrouty 6 villa du Progrès FR 94230 Cachan** (Tel + 331 46 64 96 39)

# Persona reago pri 51a IFK

***Multe da informoj***

Antaŭ kaj dum la 51a kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF) en la franca urbo Le Mans ne mankis informoj kaj praktikaj sciigoj por la ekstera publiko kaj por la kongresanoj, (plej parte fervojistoj kaj ankaŭ ne-fervojistoj, ĉiam bonvenaj).

***Ekspozicioj***

Krom impona libro-servo (en la kongresejo), ekspozicioj Esperanto kaj filatelo en **du poŝtoficejoj** de Le Mans. Afiŝetoj ĉe restoracioj, banderolo kaj, survoje al la kongresejo, strataj sago-montriloj.

Ankaŭ du specialaj poŝtstampoj pri la kongreso aperis :
- dum pluraj semajnoj, sur ĉiuj leteroj senditaj el la ĉefa poŝtoficejo (RP Le Mans),
- la 11-an de majo, en la kongresejo, ronda stampo, kun IFEF-insigno.

Aĉeteblis poŝtkartoj kun klarigoj en esperanto :
- Grandrapida trajno (TGV),
- Le Mans, malnova urbo (1.000 ekz).

***Gazetaro / Televido***

Preskaŭ ĉiutage, artikoloj, informoj kaj fotoj aperis en la ĵurnaloj "Le Maine Libre" kaj "Ouest-France"; mallonge ĉe FR3 Ouest (televido).

Dum la semajno eldoniĝis tri numeroj de la "Kongresa Kuriero", utila komplemento de la kongresa libro kun lastaj informoj de la gepartoprenantoj (A. laŭ aliĝordo, B. laŭ la devena lando). Ankaŭ prelego-tekstoj, ekz. "aŭtoj sur reloj" de J.U.Niemann, kaj "La Entreprenkomitatoj ĉe SNCF" de Georges Wallerand.

***Ekskursoj en Le Mans, Saumur, Grésillon...***

Post fakaj kaj laborkunsidoj (raportoj aperos en Internacia Fervojisto), ĉiutagaj ekskursoj kaj bonkvalitaj distraj aranĝoj arigis multajn kongresanojn.

Tre plaĉis al mi :
- La malnova kvartalo de la urbo Le Mans (6 grupoj kaj multaj privataj re-vizitoj),
- Saumur : la kastelo kaj ĉefe la rajdarta lernejo kun bonegaj klarigoj
-Baugé : la (tro) mallonga vizito de la kastelo Grésillon, amika internacia etoso, klarigoj pri la somera programo kaj la farotaj laboroj (depende de la financaj rimedoj),
- Malicorne : ajuraj fajencaj objektoj, malnovaj kaj nuntempaj.
- Solesmes : la abatejo-monaĥejo kaj la gregoriaj ĉantoj.

Entuziasmigis la vizitantojn la arbovartejo (arboretum), de Norbert Menu kun 1.500 arboj el la tuta mondo. La afabla gvidanto rakontis al siaj gastoj anekdotojn kaj donis klarigojn tre precizajn. La 4-hektara grundo enhavas multajn naturajn mirindaĵojn. "La Grand' Prée" iĝas nepre vizitinda "paradizo".



*"La Grand'Prée" vizitinda "paradizo"*

Speciala mencio pro la bonkvalitaj distraj aranĝoj (muzikistoj, kantistoj, dancistoj, aktoroj, mondvojaĝantoj). Kantis ankaŭ en esperanto "Amikeca klubo" (slovaka kanto) kaj U.A.I.C.F. Paris Sud-Est (la Espero, 4-voĉe harmonizita de P. Le Mault).

Lucien kaj Lili Giloteaux N-oj 190 - 191

# Invito al la 52a kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Asocio



**13a-19a de majo 2000 en Budapeŝto (Hungario)**

Poŝta adreso de LKK : 52a Kongreso de IFEF
HU-1378 BUDAPEST
PF: 7

La Hungara Sekcio de IFEF en la unua jaro de la tria jarmilo aranĝos la 52an Kongreson. Tiu estos jam la kvara IFEF-kongreso en Hungario. Budapeŝto estas fama pro la bonsukcesaj UEA-kaj IFEF-kongresoj. La entuziasma helpantaro, la bonkvalitaj hoteloj, la mondfama hungara gastamo kaj la pitoreska situo de la ĉefurbo garantias al vi agrablan restadon. Specialan signifon donas al la 52a, ke tio okazos en la jaro 2000, kiam Hungario festas la miljaran datrevenon de sia ŝtatiĝo. Eluzu la okazon ĉeesti parton de landskala festo-serio okazonta en 2000.

Kore invitas vin LKK je la nomo de la hungaraj fervojistaj esperantistoj

| István GULYÁS | Alfonz MORÓ | János PATAY | Mária BALOGH | D-ro József HALÁSZ |
|---|---|---|---|---|
| prezidanto | vicprezidanto | sekretario | kasistino | fakaj aranĝoj |

**Kongreskotizoj (DEM) (1)**

*Ili validas ĝis 31.01.2000*

| | |
|---|---|
| Kongresano (IFEF-membro) | 100 |
| Familiano kaj junulo/ino ĝis 30 jaroj | 50 |
| Kongresano (ne IFEF-membro) | 120 |
| Simpatianto (2) | 50 |

**Ekskursoj**

| | |
|---|---|
| Duontaga (infanfervojo) | 30 DEM |
| Tuttaga ekskurso | 70 DEM |

(1) Grupe aliĝantoj ricevas 10%-an rabaton de la aliĝkotizo, se la grupo entenas almenaŭ 20 membrojn. Tiukaze, sendu kaj pagu la aliĝkotizojn samtempe kaj komune.
(2) partoprenantoj el la tn. "eks-socialismaj" landoj pagos kotizon kiel simpatianto.

## POSTKONGRESO en SOPRON (20an / 23an de majo 2000)

La partoprenantoj vizitos diversajn lokojn de okcidenta parto de Hungario, ĉefe :
- Sopron, unu el la plej vizitataj urboj de Hungario,
- Fertőrákos, iaman ŝtonminejon, kie jam la romianoj eltiris la valoran kalkŝtonon,
- Győr, antikvan urbon, kiu ravas la vizitantojn per mallarĝaj stratoj, intimaj placoj,
- Fertőd, malgrandan vilaĝon, kie situas la kastelo *Esterházy*. Pro ĝia arkitektura riĉeco, oni nomas ĝin "Hungara Versajlo",
- kaj aliajn vidindaĵojn, Pannonhalma, Nagycenk, Kőszeg, Szombathely, Ják...

# Informoj el niaj landaj asocioj

## Gefa invitas al jarkunveno

Germana Esperanta Fervojista Asocio (GEFA) volonte akceptas siajn eksterlandajn geamikojn okaze de sia tradicia jarkunveno. Tiu ĉi disvolviĝos inter la 8a kaj la 10a de oktobro 1999 en Mülhem situanta ĉe la rivero Rhur. La kongresurbo estas atingebla tra Essen aŭ Duisburg en nordokcidenta Germanio. La regiono estas markita per forta industriigo. Tamen la provincurbo Mülhem konservis sian ĉarman karakteron. La organizantoj ofertos i.a. festvesperon kun dancado, viziton al la historia urbo-kerno kun kastelo, aŭtobusekskurson al iama ferproduktejo kaj eventuale al funkcianta altforno. Aliĝilojn bv. mendi per adreso :
S-ro Hans-Jügen Riehn, Karlsbader Str. 89, D-08 355 Rittersgrün.

W. Barnickel

## NORVEGA MUZEA FERVOJO
### ŝpuroj 600 mm-ojn larĝaj

En Lommedalen, proksime de Oslo, situas la muzea fervojo "Lommedalsbanen" inaŭgurita la 10 an de oktobro 1987.

Ĝi estas speciala muzeo por fervojmaterialo de diversaj industriaj kaj armeaj establaĵoj. Ĉi tie oni povas pritrakti dizellokomotivojn, elektran akumulatorlokomotivon, benzinfunkciigatan relaŭtomobilon, vagonojn kaj relportilojn.

En ĉi tiu enhavoriĉa kolektaĵo estas ankaŭ rellaboriloj kaj neĝplugiloj. El la minejo "Bjorkaasen" venis en 1968 la vaporlokomotivo, kun la sama nomo, konstruita en 1904. Oni bezonis pasaĝervagonojn, konstruitajn de la entuziasmuloj, kiuj, dum pluraj jaroj, konstruis ĉi tiun unuan norvegan specialan muzean fervojon.

Odd Kolbrek

## Asembleo de la hungaraj fervojistoj

La estraro de la Hungara Fervojista Esperanto Asocio (HFEA) aranĝis la ĉijaran jarkunsidon la 30-an de januaro 1999. La asembleo okazis en la klubejo de la Ĝeneraldirekcio de MÁV.

La oficialaj delegitoj de la Fervojistaj Fakgrupoj kaj la estraro de la landa asocio partoprenis la kunsidon.

La sekretario kaj la kasisto prezentis la raporton de la estraro pri la 1998-jara agado, rezultojn de HFEA. La raporto informis pri la organiza vivo de la asocio, pri la lingvo-instruado, socia, faka kaj ceteraj kontaktoj, kulturaj agadoj, kunlaboro kun diversaj esperanto-organizaĵoj. La plej ĝojiga rezulto estas la 22 %-a altiĝo de la membro-nombro. Grava temo estis la aranĝo de la 52-a Internacia Fervojista Kongreso (IFK) en Hungario, pli precize en Budapeŝto. La estraro prezentis la laborplanon por la jaro 1999, kiu enhavas ĝeneralajn, organizajn, fakajn kaj ceterajn taskojn (laŭnombre 21), atente la laborplanon de UEA "Kampanjo 2000" (koncerne la konkretajn taskojn de IFEF) kaj la planon por aranĝi la 52-an Kongreson de IFEF en Budapeŝto.

Multaj delegitoj alparolis, kompletigis la raportojn per pliaj indikoj, eĉ aldonis valorajn proponojn akceli la rezultojn.

Post la ĝisfunda pritaktado de ĉiu temo, la delegitoj aprobis ĉiun raporton, la laborplanon por 1999, kaj elektis komisiono-kantidatojn, ja, laŭ la preskriboj de la statuto; post unu jaro okazos elekto de nova estaro.

János Patay

# Nordia kunveno de fervojesperantistoj

De tagmeze ĝis tagmeze de la 13a ĝis la 15a de aŭgusto, NEFA organizos la "nordiajn kulturtagojn" en kadro de FISAIC. La aranĝloko estas Haugetun Folke-høyskole en bela regiono ĉe Sarpsorg (35 - 70 kilometrojn post la svedia/norvegia limo).

En la aranĝo partoprenos anoj de la kluboj de Hamar, Oslo kaj Sarpsborg, kaj unuopaj el Trondheim, Bergen kaj aliaj lokoj. Ni ankaŭ atendas grupon el Danio, kaj invitas amikojn el Svedio, Finnlando kaj aliaj landoj.

Dum la tri tagoj okazos kunvenoj por prelegoj, interŝanĝo de opinioj, distraj vesperoj k.t.p...

Kosto de la tuta restado (manĝo kaj tranokt-ado) sumiĝas po NOK 800 (c.DM 190) persone. En unulita ĉambro po NOK 15 (c. DM 3,50) pli nokte. Ekskurso (per aŭtobuso) estas laŭvola.

Mi estas dankema pro frua, - parenteze ne liganta - informo de planita partopreno, kun la ebleco por ŝanĝo ĝis la 15a de julio (pro gravaj kaŭzoj, ankaŭ pli malfrue). Ni esperas, ke multaj geamikoj trovos eblon por viziti nin. Niaflanke ni faras ĉion, por ke vi travivu bonajn tagojn ĉe ni.

Eble kelkaj dezirus resti kelkajn tagojn antaŭ la kunventagoj en la sama "pensiono", ekzemple jam de lundo, mardo aŭ merkredo. Ankaŭ tio eblas, per pago de po NOK 215 (DM 52) persone por tranokt-ado kaj matenmanĝo. Tio donos eblon viziti ekzemple Oslo-on, aŭ fari tag-ekskurson per Bergenfervojo al Flåm kaj al la fama Sognefjordo kaj reen (la konata vojaĝo "Norvegio en nukso-ŝelo) !

Mi antaŭvidas bonan respondon de multaj.

B.v. kontakti min per telefono/faxo : 47 69 14 64 28 aŭ per interneta adreso : **rolf.bergh@c2i.no.**

Poŝtadreso estas : NEFA / R. Bergh, Skogbrynet 33 B, NO 1709 Sarpsborg.

Gis revido

Via Rolf Bergh

# Internacia kunveno en Vieno

Koincide kun Semajno de Internacia Amikeco (SIA) okazis marde la 9an de februaro je la 18h30 en AFEF-hejmo en Vieno komuna aranĝo de Aŭstria Esperantista Federacio kaj Aŭstria Fervojista Esperanto-Federacio. Krom Aŭstroj partoprenis gastoj el Ĉeĥio, Hungario kaj Slovenio. Vicprezidanto de AEF kaj iama redaktoro de E-Redakcio de Radio Vieno, s-ro Emil Vokal post enkondukaj vortoj kaj bonvenigo de la gastoj transdonis la parolon al AFEF-prezidanto inĝ. Walter Ruber, kiu prezentis la bone komponitan prelegon kun lumbildoj pri Ekvatoro kaj Galapagoj (vulkana insularo, okcidente de Ekvatoro, al kiu ĝi apartenas).

Post la prelego kaj ties diskuto, la ĉeĥa delegito kaj ĉefkomitatano de IFEF Jindřich Tomišek prelegis pri "Imperiestro Francisko Josefo la 1-a kaj la fervojo". Poste li informis pri Misio de UIC Oriento-Okcidento kaj konstruado de la dek eŭropaj fervojaj koridoroj cele plirapidigi la fervojan trafikon en Eŭropo kaj kunligi landojn de okcidenta kaj orienta Eŭropo, same norden kaj suden de Eŭropo en plena koincido kun bezonoj de la unueca tuteŭropa fervoja sistemo.

Fine oni komune babilis kaj interŝanĝis siajn spertojn en amika etoso.

Jindřich Tomišek

# Jarkunveno en Zagrebo

Kroata Fervojista Esperanto-Asocio okazigis sian solenan kaj estrarelektan jarkunvenon en Zagrebo, la 9an de marto 1999.
Partoprenis 38 anoj kaj enlandaj gastoj .

Oni sumigis rezultojn por la jaro 1998. Same, oni decidis aldoni al tria jarmilo la programon "Kampanjo 2 ooo", precipe serĉante la metodojn por plialtigi la membro-nombron. Ekde nun, la Asocio estos gvidata per la nova estraro : Marica Brletič kiel prezidantino, Zlatko Hinšt kiel Vic-prezidanto, Marta Dokic sekretariino, Nevenka Palkovic - kasistino, kaj Roza Višnjic - Brletič- por kursoj.

Okaze de la 45jara jubileo (FES Zagrebo estis fondita la 23an de decembro 1954) festparolis Marica Brletič. Ŝi substrekis la agadon de la jaro 1992, ekde kiam Kroatio estas memstara membro de IFEF. S-ino Anka Špehar, per diapozitivoj gvidis al la promeno tra lastaj IF kongresoj kiujn ĉeestis kroataj esperantistoj. Decembre ĉ.j. oni planas organizi filatelan ekspozicion pri IFEF-kongresoj.

Intertempe, la KFEA-anoj preparas sin por aliaj enlandaj E. okazaĵoj.

Marica Brletič

---

***Filatela anonco***

Al ni mankas la poŝt-kovertoj eldonitaj okaze de IFEF kongresoj en : Aarhuso (1949), Salzburgo (195O), Parizo (1951) Lindau (1952), Utrecht (1953), Verone (1954), Zűrich (1955), Aarhuso (1958), Linz (1959), Helsinki (1950), Stoke-on-Trent (1963) kaj Bruxelles (1964) .



Se vi povas helpi nin, bonvolu vin anonci al :

Lujo Stanicic
Zeleni dol 19
HR-10 000 Zagreb (Kroatio)

## 40a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno

Ĝi okazis de la 14a ĝis la 20a de februaro 1999 en Karpacz (Pollando). Aliĝis 16 personoj, sed bedaŭrinde lastmomente 7 personoj rezignis sian alvenon.

Ni loĝis en komforta pensiono "Halny". La unua tago ni ĝuis belegan varman sunon. Poste preskaŭ senĉese neĝis. Tamen ni povis skii, ĉar tute apud la gastejo estis dekliveto ekipita per tirlifto, kiu permesis profiti la freŝfalitan neĝon.



Vespere okazis la tradiciaj aranĝoj, nome : karnavalo kaj lingva konkurso. Krome, niaj du sindonemaj polaj organizantinoj Janina kaj Zdzislawa aranĝis viziton de malnova preĝejeto "Vang".

Ne antaŭvidite estis la vizito de muzeo de pupoj kaj ludiloj. Temas pri kolekto de fama Henryk Tomaszewski - direktoro de Vroclava pantomimo - , kiun li akiris dum multaj jaroj okaze de liaj diversaj turneoj en multaj landoj.

Interesa okazaĵo estis rostado de ŝafo. Ni gustumis ĝin, trinkante varman bieron apud la pensiono. Ĉiuj partoprenantoj estis feliĉaj ekkoni tiun lokan kutimon. Pro la malmultaj ĉeestantoj, la skikonkurso ne okazis.

Konklude, mi substrekas la fakton, ke la naŭ artoprenantoj reprezentis ses landojn, nome : Ĉeĥion, Danion, Germanion, Hungarion kaj Pollandon. Vere internacia etoso fariĝis dum la 40a IFES-o.

Rezulto de la konkurso :

| | |
|---|---|
| Lingva : | 1a Erik Mortensen |
| | 2a Astrid Birkbak |
| | 3a Hubert Peyrouty |
| Karnavala : | 1a Marta Pinter |
| | 2a Hubert Peyrouty |
| | 3a Paro Mortensen-Birkbak |

IFEF-premio : Marta Pinter

Krom la IFEF- premio kaj unua premio de lingva konkurso, la premioj kaj aliaj memoraĵoj por ĉiuj partoprenantoj estis akiritaj dank'al la oferemo de kolego Johano Geroldinger.

Hubert Peyrouty

## Printempa konferenco en Ĉeĥio

Sudmoravia vinurbo Valtice gastigis en la tagoj 9/11-a de aprilo 1999 Printempan konferencon de la Ĉeĥa LA de IFEF. Jam vendrede antaŭtagmeze oni aranĝis prelegon kun temo "Kio estas esperanto", kiun laŭ invito partoprenis preskaŭ 150 gestudentoj de mezlernejoj el Břeclav kaj Valtice. Post la populariga prelego fare de prof. Zdeněk Polák sekvis vigla diskutado pri nia lingvo, rezulte de kiu, surloke aliĝis kelkaj interesemuloj por studi la lingvon.

Dum posttagmeza laborkunsido Pr Jindřich Tomišek raportis pri la lastjara agado kaj sukcesoj atingitaj en Esperantujo kaj detale interkonatigis la partoprenantojn de kampanjo 2000 kaj Laborplano de IFEF 1998-2000. Dum sabata antaŭ-tagmeza prelegserio la partoprenantoj, inter kiuj estis dek eksterlandanaj kolegoj el Aŭstrio kaj Nederlando, aŭdis prelegon de J Tomišek "Kiel oni preparas trajnunuojn por venonta jarcento" kaj estis informitaj pri lastatempa aktivado de la Ĉeĥaj Fervojoj ĈD, pri ilia membriĝo en organizaĵo Transeŭropaj Fervojoj, pri Misio de UIC Oriento-Okcidento kunsidinta en Prago, pri kontrakto inter ĈD kaj ÖBB, pri vasta kunlaboro sur kampo de profitdonaj tranzittransportoj, pri la nova eksprestrajna kunigo inter Prago kaj Brno nomata Brněnský drak k.t.p.

Dum sabata posttagmeza ekskurso ni veturis per trajno al urbo Znojmo, kie akceptis nin la staciestro Josef Steinmetz kaj post trarigardo de la stacio kaj fervoja viadukto de la jaro 1871 super la rivero Dyje ni partoprenis gvidatan ekskurson tra historia parto de la urbo. Rezulto de la traktado kun staciestro estis senpaga disponigo de la sufiĉe granda montrokesto en la stacidomo Znojmo, kie loka E-klubo informis la vojaĝantojn pri nia lingvo kaj movado.

Vespera vizito de la vinkelo en Valtice kun vingustumado, kantado kaj babilado kontentigis ĉiujn, same kiel dimanĉa antaŭtagmeza gvidata ekskurso tra historia parto de la urbo Valtice. Post la komuna tagmanĝo finiĝis la sukcesa aranĝo, kiun partoprenis kiel gasto ankaŭ reprezentanto de ĜD ČD kaj LA de FISAIC Ph Dr. Anna Abelovská.

Jindřich Tomišek

---

*Nekrologo:*

S-ro **Velimir Lukrez** forpasis por ĉiam en Zagrebo, la 21an de februaro 1999.

Li naskiĝis en 1912 en Triesto, sed ekde la jaro 1919 li vivis en Zagrebo, kie li postenis ĉe fervoja entrepreno dum 40 jaroj.

Li esperantistiĝis en 1952 kaj ĝis la fino, li estis tre aktiva inter zagrebaj esperantistoj kaj estis ano de Kroata Fervojista Esperanto-asocio ekde 1960. Ekde la jaro 1984 li estis honora membro de KFEA. Li okupiĝis pri sporto, montgrimpado, filatelo, interesiĝis pri historio kaj lingvistiko. Li estis amanto de sia urbo Zagrebo. Longjare li gvidis E-kursojn, estis turisma E-gvidanto tra la urbo, E-preleganto kaj okupis multajn diversajn funkciojn en KFEA. Li aŭtoris luksan E-gvidlibron tra Zagrebo kaj tradukis historian romanon "La sorĉistino de Gric" de Marija Juric Zagorka.

La fervojistoj perdis la plej meritan kaj la plej maljunan anon kaj ni ne forgesos lian altruismon kaj erudicion.

Ni esprimas dankon al li, kaj niajn kondolencojn al lia familio.
Kroata Fervojista Esperanto Asocio

******************

**Gratulon**

La 08an de septembro 1999, s-ro Lucien DE SUTTER iĝos 75jaraĝa. Pro lia granda merito en jaro 1997 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.
IFEF gratulas lin pro liaj multaj kontribuaĵoj al la fervojista movado.

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 1998

Surbaze de la demandilo, la landaj asocioj preparis sian jarraporton pri la jaro 1998. La resuma jarraporto ne estas kompleta, ĉar Hispanio, Pollando kaj Svedio - malgraŭ la skriba atentiga alvoko - ne sendis raporton.

Pro tio mi uzas la pasintjarajn indikilojn de la tri landoj.

*1, La landaj asocioj*

La membraro de la landaj asocioj nombras 3515 membrojn, 235 membrojn malpli ol en la antaŭa jaro. La landaj asocioj raportas pri 1150 IFEF-membroj inter la fervojistaj esperantistoj, ĝi montras malkreskon de 35 membroj. Kompreneble tiu cifero ne enhavas la individuajn membrojn. Do mi povas konstati, ke la membro-nombro de IFEF preskaŭ stagnas.

Inter la IFEF-membraro, la emeritoj konsistigas preskaŭ 70%-ojn, kiel pasintjare.

Ĉiu landa asocio havas estraron, kies nombro varias inter du kaj dekunu.

La landaj asocioj entute havas 110 grupojn, tri grupojn pli ol en la antaŭa jaro.

Por la jaro 1999 la landaj asocioj antaŭvidas konstante saman membronombron, en kelkaj landoj malkreskos, en kelkaj landoj kreskas la membro-nombro de IFEF-anoj.

*2, Plenumo de la komitato-decidoj*

Deksep landaj asocioj raportas pri la efektivigo de la decidoj de la komitato de IFEF. Kompreneble ne ĉiujn decidojn efektivigis la landaj asocioj. En la kadro de "Kampanjo 2000" la komitato instigis la landajn asociojn starigi laborplanon por la jaroj 1998-2000 prepare al la nova jarcento. En multaj landoj oni pretigis tion kaj laboras laŭ tiu plano.

Dekvin landaj asocioj klopodas plibonigi la lernadon kaj instruadon de Esperanto. Dekses landoj kolektas la historiajn memoraĵojn de la fervojista Esperanto-movado kaj konservas la kulturajn heredaĵojn.

Naŭ landaj asocioj raportas pri la fortigo de la membrara bazo. Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj skribas pri la disvastigo de informoj pri Esperanto kaj IFEF.

Do mi povas konstati, ke pro la efiko de la laborplano "Kampanjo 2000", moviĝas kaj fortiĝas la movada laboro ankaŭ en tiu tereno, kie ĝis nun la landaj asocioj agadis malmulte. Mi esperas, ke la movado de Kampanjo 2000" utilas kaj helpas al la esperantistoj, al la Esperanto-movado por :

- plialtigi la organizan kaj idean nivelon de la Esperanto-komunomo,
- plifortigi la prestiĝon de la internacia lingvo,
- influi la internacian vivon.

*3, Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj*

Aŭstrio, Estonio, Germanio, Japanio, Nederlando kaj Svedio ne havas rilatojn kun la fervojaj administracioj ĉefe pro la privatigo de la fervojoj. La novaj entreprenoj ne interesiĝas pri Esperanto, kaj ili ne donas financan aŭ alian helpon al la landaj asocioj de IFEF.

La klarigoj de la oficialaj horarlibroj aperas ankaŭ en Esperanto nur en Ĉeĥio, Danio, Hungario, Jugoslavio, Rumanio kaj Slovakio. En kelkaj landoj, la fervojistaj esperantistoj flue instigas la Fervojojn por aperigi la Esperanto- tekston en la horarlibro, sed ĝis nun ankoraŭ ne sukcesis.

Nur sep landaj asocioj havas rilaton kun la landaj fervojistaj sindikatoj, kaj en kvin landoj ricevas la esperantistoj apogon de la sindikatoj.

Laŭ la raportoj, 16 landaj asocioj havas bonajn rilatojn kun la FISAIC-organizaĵoj, ĉefe en Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Danio, Francio, Germanio, Hungario kaj Nederlando. El ili, 13 landaj asocioj ricevas financajn kaj aliajn subtenojn de la landaj FISAIC-organizaĵoj. Eĉ en Belgio, Bulgario, Danio, Francio - kie la vicprezidanto de la landa asocio estas la ĝenerala sekretario de FISAIC -, Hungario, Rumanio kaj Slovakio, la fervojistaj esperantistoj havas oficojn en la FISAIC-organizaĵoj.

Multaj landaj asocioj havas rilatojn kun aliaj fervojistaj kaj nefervojistaj organizaĵoj.

*4. Organizado de jarkunvenoj*

Dekses landaj asocioj aranĝis jar-kunsidojn en 1998. Entute 680 fervojistaj esperantistoj partoprenis tiujn aranĝojn. Inter ili ĉeestis en Rumanio 120, en Jugoslavio pli ol 100, en Hungario 82, en Francio 72, en Germanio 70, en Bulgario 60, Kroatio 60 kaj en Ĉeĥio 30 parto-prenantoj. Dum sep jarkunvenoj parto-prenis eksterlandanoj, entute 22 personoj. En la kadro de la jarkunvenoj oni faris multe da fakprelegoj, ekskursoj kaj aliaj prezentadoj.

Ĉiuj landaj asocioj - escepte Estonio, Japanio kaj Slovakio - planas aranĝi jar-kunvenon en la jaro 1999.

***5. Organizado de komunaj aranĝoj kun aliaj asocioj***

En naŭ landoj aranĝis la fervojistaj esperantistoj kunvenojn kun aliaj asocioj. Inter ili la Aŭstroj kunlaboris por aranĝi la semajnon de Internacia Amikeco : Tri-landan Renkontiĝon "Alpo-Adrio"; la Ĉinoj faris komunajn aranĝojn kun Interna Mongolia Instituto-Asocio kaj kun Interna Mongolia Esperanto-Asocio, Tianjin Esperanto-Asocio kaj Sanming Esperanto-Asocio; la Jugoslavoj organizis Danuban rendevuon de "Literatura Foiro" en Beograd kun lokaj societoj; la Kroatoj kunlaboris por aranĝoj de Inter-nacia Junulara Kongreso okazinta en Rijeka, okaze de la 2-a kongreso de kroataj Esperantistoj; la Norvegoj aranĝis multajn komunajn membro-kunvenojn kun Norvega Esperantista Ligo en Hamar kaj Sarpsborg; la Rumanoj kun-laboris por aranĝoj de Nacia Rumana Esperanto-Asocio, de la Internacia Instituto de la Preventa Medicino, de Monda Turismo ; la Slovenoj aranĝis prelegojn kun la urba Esperanto-Societo, kaj kunvenon kun unuopaj kluboj el "Asocio de kulturagantaj societoj".

***6.Interrilatoj kun Esperanto-organizoj***

Dekses landaj asocioj havas rilaton kun UEA pere de siaj landaj Esperanto-asocioj. Kvar landoj interrilatas kun la landaj grupoj de SAT.

Dektri landaj asocioj havas bonajn kontaktojn kun aliaj Esperanto-organizoj, ekz. kun najbaraj IFEF-Asocioj, Esperanto-Institutoj, Esperanto-Muzeoj, Esperanto-Bibliotekoj, Kultura Centro Esperantista, Centro de Dokumentado kaj Esploro, ILEI, IKUE, KELI, IPTEA, MEM, Umea ktp.

Laŭ la raportoj 15 landaj asocioj havas entute 53 fakdelegitojn de UEA pri fervojo. Tiu cifero montras mal-pliiĝon kompare kun la antaŭa jaro, ĉar laboras en Ĉinio kvin kaj en Germanio unu malpli da fakdelegitoj.

***7. Informado en plej vasta senco***

Laŭ la raportoj dek landaj asocioj kolektis gravajn informojn kaj sendis ilin al IFEF.

En 13 landoj nomumis respondec-ulon, kiu provizas per aktualaĵoj la redaktoron de nia revuo Internacia Fervojisto.

Dektri landaj asocioj raportas pri la

informado de la fervoja administracio, la sindikatoj kaj la vasta publiko. Dekdu landaj asocioj skribas pri la dissendo de priesperanta informo-materialo, unufoliaj, plurfoliaj materialoj kaj afiŝoj. La materialojn oni dissendis ĉefe al deĵorejoj, al vizitantoj okaze de ekspozicioj, al la Institutoj, bibliotekoj kaj vojaĝagentejoj. Multaj landoj raportas pri la informado en deĵorejoj kaj stacidomoj per informkestoj, murgazetoj, prezentadoj ktp. Preskaŭ ĉiu landa asocio skribas pri la apero de la artikoloj en diversaj tagaj kaj semajnaj gazetoj kaj ĵurnaloj.

En naŭ landoj aranĝis la fervojistaj esperantistoj ekspoziciojn, entute en 22 lokoj, kiujn vizitis pli ol okmil interesiĝantoj, la plej multe en Germanio, Ĉeĥio, Francio kaj Italio. En la jaro 1999 dektri landaj asocioj planas aranĝi ekspozicion.

Pli ol kvindek fakprelegoj okazis en 12 landoj pri la fervojaj novaĵoj, ekskursoj, kongresoj kaj movadaj temoj.

Naŭ landaj asocioj raportas pri la prezentaĵoj, sciigoj kaj intervjuoj en radio-programoj kaj televidoj.

***8.Varbado***

Laŭ la raportoj en la jaro 1998 unu landa asocio signife pli altigis la membro-nombron de la IFEF-anoj : Ĉeĥio 35 personojn. Malkreskis la membronombro en Francio : 30, en Italio kaj en Hungario : 20, en Germanio : 18 kaj en Bulgario : 12.

En dektri landoj oni faris memstaran lingvokurson, entute 50 kursojn. La nombro de la kursanoj entute estis pli ol 400 membroj. Ĉe la kursoj elstaris Francio, Rumanio, Hungario kaj Italio kun pli ol 40 kursanoj.

Ĉeĥio kaj Ĉinio raportas pri la zorgado de la instruado en faklernejoj.

Dekkvin landaj asocioj planas aranĝi lingvo-kursojn en 1999, entute 58 kursojn.

***9. Junulara agado***

Dekunu landaj asocioj raportas pri la junulara agado. En sia membraro IFEF havas 214 gejunulojn sub la trideka jaraĝo. En Rumanio : 80, en Hungario : 60, en Ĉinio : 40 kaj en Bulgario : 10 gejunuloj troveblas inter la fervojistaj esperantistoj. Bedaŭrinde tiuj ciferoj apartenas al la tuta membraro de la landaj asocioj, kaj ne nur al la IFEF-anoj.

En Ĉinio ekzistas du junulgrupoj, kaj en Rumanio unu memsatara junulgrupo.

Mi esperas, ke helpe de la laborplano"Kampanjo·2000" ĉiu landa asocio trovos taŭgajn kaj allogajn rimedojn logi kaj gajni gejunulojn. Ĉiu landa asocio devus ekzameni la eblecojn en propra lando, kaj decidi la taskojn pri tiu temo. Mi denove devas emfazi, ke laŭ la indikoj, la fervojista Esperanto-movado rapide maljuniĝas, kaj sen nova generacio ni ne havos estontecon

***10. Landaj organoj***

Dekses landaj asocioj havas propran organon. Inter ili Ĉinio dekdufoje, Danio kaj Francio dekunufoje, Bulgario sesfoje, Aŭstrio, Belgio, Germanio Hispanio, Hungario, Jugoslavio, Nederlando, Norvegio kaj Svisio kvarfoje, Italio trifoje, Japanio dufoje, Pollando kaj Rumanio unufoje aperigas ĝin jare. Ses landaj asocioj ne eldonas propran periodaĵon.

La totala amplekso de tiuj organoj nombras 820 paĝojn, kaj estas la plej granda el la fakaj periodaĵoj.

Bulgario, Danio, Hungario kaj Nederlando aperigas la propran organon pure en Esperanto.

Laŭ la raportoj de la landaj asocioj ok landoj trovas spacon en aliaj organoj por aperigi artikolojn koncerne la fervojfakajn novaĵojn.

En la jaro 1999 la landaj asocioj

planas aperigi la propran organon, kiel en 1998, sed la Danoj nur dumonate aperigas la revuon "Dana Fervojisto".

***11. Terminara kaj traduka laboro***

Laŭ la raportoj jam nur dekunu landaj asocioj laboras sur la tereno de terminara kaj traduka laboro. En kelkaj landoj agadis terminara grupo. En la pasinta jaro la terminara sekcio de IFEF denove laboris kaj agadis grave. La sekcio reviziis 303 novajn fakesprimojn, kaj tradukis pli ol 70 difintekstojn. Kelkaj landaj asocioj kunlaboris en la reviziado de fervojfakaj terminoj en PIV, kaj tiu laboro finiĝis.

La terminara sekcio regule transdonis antaŭ la limdato la tradukitajn esprimojn al UIC.

Aperis la 7-a "Fervojfakaj Kajeroj", en ĝi ses fervojfakaj artikoloj. Preskaŭ ĉiu landa asocio raportas pri la aperigo de pluraj fakartikoloj en la fakaj revuoj aŭ en aliaj periodaĵoj.

***12. Ekonomio***

La ĝenerala ekonomia situacio en la pasinta jaro estis relative kontentiga en Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Italio, Hungario kaj Japanio. Dekunu landaj, asocioj havas ne tro rozkoloran situacion, sed tamen ili povas funkcii helpe de la jarkotizoj, apogoj, donacoj kaj aliaj rimedoj. Multaj landaj asocioj ricevis financan subvencion kaj aliajn apogojn de fervojo, sindikato kaj landa FISAIC-organizaĵo.

***13. Diversaĵoj***

En Aŭstrio laŭ la ŝtata ordono devas ŝpari kaj merkatigi ĉiun posedaĵon, pro tio la landa asocio devas pagi por la uzataj klubejoj, sekretariejo, energio ktp.

La belga landa asocio proponas malaltigi la kongreskotizon, forstreki la vorton "ĉambro-perado" el la kongresaj aliĝiloj kaj atingi favorajn grupajn prezojn ĉe la urbaj turismaj oficejoj dum la IFEF-kongresoj.

En Estonio aperis la Estona Esperanto-vortaro, kiu estas granda sukceso.

En Italio okazis multaj pri-kaj por-esperantaj manifestacioj en kiuj la italaj fervojistaj esperantistoj vigle agadis kaj kunlaboris.

La Hungara Esperanto-Asocio organizis la internacie tradician "Ago-Tagon" en la ĉefurbo Budapeŝto, kie pluraj hungaraj fervojistaj esperant-istoj partoprenis.

Dum la 85-a Japana Esperanto-Kongreso kelkaj japanaj fervojistaj esperantistoj partoprenis kaj helpis en la organizado.

En Jugoslavio oni eldonis grandan, luksan monografion pri Jugoslaviaj Fervojoj en la periodo 1945-1995, kaj oni preparis novan monografion pri Serbaj Fervojoj en la periodo 1880-2000. Ambaŭ monagrafio enhavas ampleksan tekston pri Esperanto-movado inter fervojistoj.

***14. Fina komentario***

Finfine, la situacio de la Esperanto-movado en la kadro de IFEF estas ne tro optimisma. La membro-nombro de preskaŭ ĉiu landa asocio montras malkreskon, eĉ ankaŭ ĉe la IFEF-anoj la nombro stagnas. La ŝancoj gajni geinteresulojn por la Internacia Lingvo ĉiam pli malpliiĝas. Al tiu tendenco kontribuas la daŭra ekonomia krizo en la tuta mondo, la milito en Jugoslavio, la rapidaj ŝanĝoj en la fervojaj organizoj, la privatigoj de la fervojaj retoj, la malkresko de la fervojisto-nombro, la antaŭtempaj pensiigoj, nedungado de junaj fervojistoj ktp. Ne malpli kon-tribuas la lernejaj instancoj, kiuj klopodas antaŭenpuŝi la instruadon de la angla lingvo jam en malsupraj klasoj, dirante, ke en la epoko de la komputiloj

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1999.3
51a eldonjaro

Dumonata fervojfaka
revuo en Esperanto
kaj organo de
Internacia Fervojista
Esperanto-Federacio.

**Redakcio :**
Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72 230 Arnage
Tel /Fakso +332 43 21 16 39

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO -FEDERACIO**
**Sekretario :**
Ernst Quietensky
Pappenheimgasse 70/3
AT/1200 Wien

**Kasisto :**
Henning Hauge
Banegårdspladsen
DK-9700 Brønderslev
Tel +45 98 80 15 99
Fakso +45 98 80 25 99

**Dana poŝtĉekkonto :**
1 25 80 36 IFEF
Banegårdspladsen 14
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando, aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj)

**Dana bankkonto :**
3717 03 4856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto :**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝĉekkonto :**
CH-85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladen 14,
DK-9700 Brønderslev

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, julio, oktobro .

**Redaktofino :**
Ĉiam la 10an de la antaŭa monato

**Presejo :**
Huerma 12 rue de Palestine
FR-75012 Paris
ISSN 1397-4270

la konoj de la angla lingvo estas absoluta neceseco. Tiuj faktoj tute ne helpas al nia agado.

En kelkaj landoj malboniĝas la financa kaj ekonomia ebleco. Oni malaltigas la apogon por la Esperanto-movado. Antaŭ kelkaj jaroj florantaj landaj asocioj jam plendis pri la cirkonstancoj, kiuj malfavore influas la movadan vivon.

Maljuniĝas la fervojista Esperanto-movado kaj mankas la gejunuloj en ĉiu lando, kiuj volus kaj kapablus transpreni la gvidadon de la asocioj.

Mi spertas malgaje dum la lastaj jaroj, ke la nombro de la partoprenantoj en la IFEF-kongresoj draste malkreskis. La kongreskotizoj kaj la restadkostoj estas tro altaj, pro tio granda parto de la esperantistoj, ĉefe la emeritoj ne povas partopreni en la kongresoj.

Analizante la estontecon de IFEF la nuna estraro vidas sin konfrontita kun tre seniluziiga realeco. Ne nur maljuniĝas la membraro kaj ne sekvas junaj adeptoj de Esperanto, sed ĉiam pli konkrete konturiĝas, ke aktivaj kaj taŭgaj membroj ne volas transpreni oficon kaj en la estraro kaj en la faka komisiono de IFEF.

Tamen ni estu optimistoj ! Ni esperu, ke helpe de la laborplano de "Kampanjo 2000" kaj aliaj rimedoj ni povos vigligi nian movadon. Restu la espero, ke la Esperanto-movado kaj kune kun ĝi la 90-jara fervojista Esperanto-movado kapablos travivi tiun minacan epokon same, kiel tio okazis multfoje. Ni nur komune povas kontribui al la plua ekzistado de IFEF.

Do ni ne ploru, sed pli forte kaj efike agu !
Budapeŝto, la 7-an de majo 1999.

István Gulyás
Vicprezidanto de IFEF

**Fervoja Koresponda Servo**
S-ro PORUPKA Sorin
Mihai Bravu 32/2
RO-6200 Galati



Se vi deziras utiligi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)on, kaj pri kiaj temoj ktp.
Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.
Se tio ne eblas, aldonu poŝtmarkojn vendeblajn en Rumanio.